2.ª Ep. AÑO IV, N.º 19 (155) MAYO-JUNIO 1966




DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

# VIDINDAĴOJ DE BILBAO

(Foto: A. Bolaños)

Memoraĵo de pasintaj tempoj, la kastelo de Butrón, fiere kaj majeste staras, kiel vivanta atestilo de pasintaj gloro, povo kaj arto.

Plua belaĵo de Bilbao, ŝajnas inviti al ĉiuj esperantistoj al la Kongresa renkontiĝo, okazonta dum la nunjara julio en ĉi tiu urbo.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA**

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

Redakcia Komitato:
Angel Salete
Nicolás L. Escartín
Emilio Gastón

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.
Ĉekkonto: n.° 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.


La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko; do pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## de secretaria

Rogamos a todos los que deseen participar en la JUNULARA ORATORA KONKURSO, lo comuniquen a esta Secretaría.

---

¿Habéis enviado ya vuestros «aliĝiloj» al Congreso? Pensad en el trabajo que representa su organización y que podéis facilitarlo no dejando para última hora vuestra inscripción; contad con que hay que preparar alojamientos para todos, cosa no fácil en Bilbao en esa época del año.

## deziras korespondi...

HISPANUJO. — Zaragoza, str, San Agustín, 17, 3.° F-ino. M.ª Josefa Gimeno, komencantino, deziras korespondi pri diversaj temoj.

BULGARIO. — Sofio bul. «Al. Stamboljiski» 41. Legejo «CERVENA ZVEZDA», Junulara klubo por internacia amikeco, deziras korespondamikojn, dezirantajn gejunulojn por korespondi pri ĉiuj temoj kun ĝiaj membroj.

FRANCUJO.—Tarn, S-ro Thomas Soual, deziras korespondi precipe sonbende, pri ĉiuj temoj.

BRITUJO. — Carshalton Beeches, Surrey, 55 Park Hill. S-ro. Alec Ventura, deziras korespondi, precipe sonbende, ĉefaj interesoj, la Esperanta lingvo, ties intereso kaj historio.

ĈEĤOSLOVAKUJO. — Svitavy, Ant. Slavička 22, S-ro. Linhart Ryznar, serĉas leteramikojn, por dek komencantoj (20-30 jaraĝaj). Krome personojn kiuj dezirus korespondi sonbende.

POLLANDO. — Zawidów, str. 1-go Maja 2, S-ro. Gudewicz Roman, 18 jaraĝa studento deziras korespondi pri temo: filmo, literaturo pri la vivo de esperantistoj en la mondo.

POLLANDO. — Warszawa 87, ul. Odynca Nr. 65 m 2, Mgr. Jerzy Skoczek, 35 jara fraŭlo, juristo, deziras korespondi kun gesamideanoj pri ĉiuj temoj.

Mendu jam:

- Poŝkartojn kaj glumarkojn de nia XXVIIª Kongreso de Esperanto.
- Poŝtk. 2 ptoj. po ekz.; Glumark. 1,50 folieto.
- Poŝtk. kun la J. I. K.—alegorio, 6 ptojn. deko.
- Kovertojn kun la teksto "Esperanto-La Lengua Internacional", 5,00 ptojn. deko.

## *ORA GEEDZA JUBILEO DE*

## *GESINJOROJ SANCHO IZQUIERDO*

La deksepan de junio nunjara, gesinjoroj Sancho Izquierdo festos sian oran jubilean geedziĝon en sia bieno ĉe Torrevelilla (Teruel), kie ili geedziĝis ĝuste antaŭ kvindek jaroj.

Reliefigi en ĉi tiu okazo la grandan personecon de nia Prezidanto en la kampo de la Esperantista agado estus nenecese; lia senlaca, fervorplena kaj efika laboro por kaj pro nia lingvo estas bone konata de ĉiuj. Dank' al liaj klopodoj, la vera signifo kaj graveco de nia lingvo kaj movado estis rekte konata de fidinda fonto en la plej altaj rondoj de nia lando. Ministroj, altrangaj ekleziuloj, provincestroj, aŭtoritatoj en la plej diversaj branĉoj de scienco, ktp. sciis kiel li, Rektoro de Universitato (kaj poste Honora Rektoro), prestiĝa katedra profesoro kaj elstara verkisto pri Natura Juro, Doktoro «Honoris Causa» de pluraj universitatoj landaj kaj eksterlandaj, ktp., interesiĝas, plendas kaj laboras por afero kiu al ili ŝajnis ĝis tiam tempopasiga manio por kolektantoj kaj fantaziuloj. En tiu kampo, tamen, lia valora agado restis kaj restas kaŝita por la plej granda parto el niaj samideanoj. Nur tiuj, kiuj same kiel ni, havas la honoron kaj privilegion batali ĉe li, povas scii pri liaj klopodoj kaj penoj por forviŝi tiun misfamigon kaj meti nian lingvon en dignan lokon.

En la ora geedza jubileo de G-roj Sancho Izquierdo, ni dediĉu apartan atenton al la ĉarma edzino de nia Prezidanto, lia fidela kunulino en ĝojo kaj malĝojo, dum la longa vojaĝo tra la maro de la vivo. En ŝi ni trovas pluan ekzemplon de tiuj virinoj, kiuj ĉe la grandaj homoj konsistigas ilian plej fortikan kolonon. Ŝia amo, kuraĝigo, komprenemo, kunsento kaj inspiro certe estis decidaj faktoroj en la laboro kaj atingoj de nia Prezidanto.

Al la multaj gratuloj, kiujn ili certe ricevos ĉe ilia bieno en Torrevelilla, ni aldonas ĉi tie nian plej varman, kun la sincera deziro ke la meritita feliĉo, kiun ĝuas gesinjoroj Sancho Izquierdo en tiu grava mejloŝtono de ilia vivo, longe daŭru.

**RED**



## OMAĜO AL GESINJOROJ SANCHO IZQUIERDO, OKAZE DE ILIA ORA JUBILEA GEEDZIĜO

Fekunda vivo sur altar' de l' amo
kun nimbo de karismo sakramenta;
serena sinofer' kaj korpa flamo
je fidelec' trezora kaj korsenta:

kuneco sankta, dum la vivtaktado
korbatas ritme laŭ la dia volo,
kaj estas homaj tagoj kruta pado
strekita celen al plenuma rolo.

La voj' fariĝis, post trair', aleo
de memoraĵaj sanktigitaj bildoj
—vefto kaj varp' de l' ora jubileo
ĝojanta kiel lum' sur blazonŝildoj.

Ho suno, sen kaŝiĝo, de la graco,
en la medi' hejmeca de l' intimo
kiel profunda lago kun surfaco
spegule klara kaj rebril' je glimo!

Sonoras la renomo agofara
en alta kampanilo de l' prestiĝo.
Sezonoj de amfido solidara
rikoltas fruktojn de komuniiĝo.

Geedza unuec' kun halo' glora,
sanktejo de modela familio.
Geedza kunestad' preĝad' fervora
pro pac' ĉiama kun la ben' de Dio.

River' de l' tagoj plej abunde fluis;
floradis rozujar' de l' kor' stelume.
sed la sufer' kuraĝon ne forskuis,
ĉar la dolor' indigas homojn lume.

Ho bela jaro-rozari'! Kantiko
aŭdiĝas sub la volb' de l' konscienco,
kaj eĥas per ekzemploj kaj efiko
kun psalma flug' kaj diafana senco.

Senhaltaj jaroj de bonvola kodo
kaj virta persistemo diamanta!
Duonjarcento da plej firma nodo
kun saĝo kaj klerec' disradianta!

Eventa datreven': montrita paĝo
kun orlo de honoro kaj gratulo.
La niaj koroj venas kun omaĝo
al vi plej indaj — sankta am-insulo!

*Gabriel MORA ARANA*



## NOVA ESPERANTISTO

Esperantujo riĉiĝis per nova civitano! Karlo, por la unua fojo en sia vivo, malfermis siajn okulojn al la lumo de ĉi tiu mondo kiel filo de gesinjoroj Aragay Girona.

Gratulojn al la feliĉaj gepatroj, kaj feliĉon al la novnaskito.



## Niaj pioniroj...

# Manuel de Elezcano

Certe ĉiuj hispanaj esperantistoj bone konas nian hodiaŭan pioniron. Sinjoro Elezcano, delikata poeto, gajninto en diversaj konkursoj literaturaj kaj ofta kunlaboranto de nia revuo ĝuas ĝeneralan simpation en kaj ekster Bilbao, lia naskiĝurbo.

Lia esperantista vivo estas longa kaj fekunda. Naskiĝinte en Bilbao en la jaro 1886 kaj post fariĝi esperantisto proksimume en la jaro 1909, li okupis diversajn postenojn en la Komitato de la Grupo Esperantista, eĉ la prezidantecon, kaj kunlaboris en la lastaj numeroj de la esperantista gazeto «Nova Sento», fama tiutempa revuo.

Vera aktivulo de nia movado sinjoro Elezcano kunlaboris en la esperanto-fako kiu aperis ĉiulunde en la ĵurnalo «El Pueblo Vasco», kaj pri kiu zorgis sinjoro Felikso Diez; samtempe, aŭ proksimume en tiu epoko, ankaŭ li kunlaboris en gazeto eldonata en Gefle (Svedio), de la grava sveda pioniro sinjoro Einar Adamson.

Kun la helpo de la junaj membroj de la loka societo de Esperanto, sinjoro Elezcano fondis la «Grupo Alpinista Esperanto» kaj profitis ties agadon por propagandi Esperanton inter la naturamikoj.

Je sia okdekjara aĝo li daŭre interesiĝas kaj laboras por kaj en Esperanto. Liaj daŭraj kontribuaĵoj en nia Boletin, montras, ke liaj delikataj sentoj restas freŝaj antaŭ la belecoj de la vivo.

Al niaj kutimaj demandoj li respondas:

1.° *Kie kaj kiam vi kontaktis kun Esperanto kaj eklernis ĝin?*

—En Bilbao, kie mi naskiĝis.

Mi eksciis pri la ekzisto de Esperanto en la mondo, en la jaro 1906, pere de iu polemiko, kiun havis du bilbaoanoj, sinjoroj Urquijo kaj Zabala, en la tiutempaj jurnaloj «La Gaceta del Norte», kaj «El Noticiero Bilbaíno», ĉi tiu jam malaperinta. Tiam, aŭ iom pli poste, mi komencis lerni sola pere de la gramatiko de S-ro Teófilo Cart, franca profesoro, sed en traduko al hispana, farita de S-ro Antonio López Villanueva, «Primeras lecciones de Esperanto». Sed mia plej pozitiva kontakto kun Esperanto okazis kiam mia frato Jozefo —pli juna ol mi, sed tamen jam esperantisto— preparis sian vojaĝon al Meksikio, en la jaro 1909. Mia profesoro estis mia kara amiko S-ro Teodoro Elizondo, kiu feliĉe, ankoraŭ vivas.

2.° *Kiu estis la ĉefa faktoro kiu instigis vin lerni Esperanton?*

Estis tri la faktoroj. Unu, la polemiko kiu eksciis min pri la lingvo; due, la forrestado de mia frato, kiu jam konis esperanton, kaj mi deziris ke li ne perdu la kontakton kun ĝi, almenaŭ skribe, kion mi perfekte atingis ĉar ni korespondadis nur en esperanto dum pli ol dudek jaroj; kaj trie, ĉar mi bone meditis pri la morala enhavo de la internacia lingvo en la homaj rilatoj.

3.° *Laŭ via opinio, kiu estas la ĉefa celo de Internacia helpa lingvo?*

Mi opinias, ke la ĉefa celo estas tiu, kiun Zamenhof tiel bone pripensis: atingi la interkompreniĝadon de la homoj pere de la parolo, kaj per ĝi peni atingi la homan pacon.

(daŭr. paĝ. 15)

# Penskernoj

*Nicolás L. Escartín*

Estas miloj, milionoj da simplaj viroj kaj virinoj, kiuj vidas la problemojn de la homaro pli klare kaj profunde ol multaj intelektuloj, kaj senĉese laboras en sia medio por starigi harmoniajn rilatojn inter la homoj. Bedaŭrinde, ili ankoraŭ ne sukcesis unuiĝi kaj konsistigi vere organizitan forton, kies povo estus nerezistebla.

---

Kontraŭe, oni ankoraŭ trovas multajn homojn kies mallarĝa kaj egoista vivkoncepto malhelpas ilin vidi la vivon kaj rekoni la faktojn tiaj, kiaj ili estas, forigante el sia vidmaniero la malnoviĝintajn kaj kalkiĝintajn kriteriojn, tute ne taŭgajn por juĝi kaj regi la konduton de la homo en la hodiaŭa mondo.

---

Nur tio estas vere valora, kio rilatas la homon al la homo.

---

Kiam oni komprenos, ke la homaro estas multe pli grava ol ĉiu nacio?

---

Ĉiufoje pli klare evidentiĝas, ke por ke la homaro povu pluiri estas nepre necese ke la homo transformu ĉiujn siajn kampojn de penso kaj vivo. Ĉu ni estas pretaj tion kompreni kaj realigi?

---

Ĝis nun estis leĝo: ricevi, sed ne doni; akcepti, sed ne partopreni; akumuli, sed ne disdoni. Kaj tiu rompo de grava amleĝo kondukis nin al la kriza punkto kiun ni travivas. Ĉu ni konscias pri tio?

---

La granda «peko» de la homo estas, ke li ne laŭigas sian agadon al sia scio. La homaro neniam vivis laŭ la instruoj ricevitaj, jen kial tiom da katastrofoj trafis ĝin. Ĉu ni neniam lernos?

---

Ene de sia koro la homo trovas vojon al «perdiĝo» aŭ «saviĝo». Ĉio dependas de tio, ĉu li kulturas la «ĝardenon» de «bono» aŭ tiun de «malbono», ĉar nek la «bono» nek la «malbono» krekas spontane en la homo. Jen simbola ŝlosilo ĉies neglektata.

# SEKRETA RAPORTO

*pri la venonta Esperanto Kongreso en Bilbao*

Miaj paŝoj resonas en la longa, brila, enorma koridoro. Ĉe la fino, mi vidas grandan ŝtalan pordon. Du fortaj viroj gardas ĝin, vestitaj per nigra vesto strange brilanta. Sur la brakoj ili tenas minacantajn subfusilojn.

Je mi alveno sonoras raŭka elektra sonorilo kaj la pordo silente malfermiĝas.

Mi paŝas antaŭen. Grandega salono. Plataj muroj, pale dekoritaj. Ĉe la fundo, granda tablo paleverda. Post ĝi sidas alta viro. Kurioze... Kvankam suna lumo eniras tra la altaj fenestroj kaj plenigas la salonon, mi ne povas vidi la vizaĝon de la viro. Iu stranga reflekto ĝin malhelpas, kiam mi rigardas rekte al li.

Mi preskaŭ tremas. Por la unua fojo, mi estas antaŭ mia nekonata ĉefo, Numero Unu, Mastro kaj Sinjoro de SPEKTRA, la krima sekreta organizo, kiun James Bond povis iufilme venki, sed neniam detrui.

Numero Unu sidas absolute senmova. Mi staras rekte antaŭ li. Finfine, li parolas.

—Numero Cent. Bonvenon al la Centra Ejo de SPEKTRA. Viaj bonaj servoj estas aprecataj. Mi esperas, ke via lasta tasko estis bonsukcesa. Prezentu vian raporton.

—Numero Unu. Kiel ordonite, mi vojaĝis al Bilbao, Hispanio, por raporti pri la venonta Kongreso de Esperanto, kiu okazos tie de la 19a ĝis la 23a de Julio. Jen mia raporto. Bilbao estas urbo je 400.000 loĝantoj. Grava haveno en la Nordo de Hispanio. Situas ĉe la rivero Nervión, inter montoj Archanda kaj Pagasarri, ne tre altaj. Je dekkvar kilometroj estas la marbordo. Belegaj strandoj. Trajnoj kaj autobusoj ĉiu kvaronhoro. En Julio la vetero estos ĝuinda, kaj la pejzaĝo vere rava.

—Numero Cent, haltu! Tiujn informojn distribuas senpage ĉiu vojaĝ-agentejo en la tuta mondo. Via raporto devas rilati nur al la karaktero de la loĝantoj kaj al la organizado de la Kongreso. Ni deziras malkovri la kialon de tiu mistera kaj nekomprenebla komprenemo kiu ekzistas inter esperantistoj. Se ni povus posedi ĝian kemian formulon...

—Numero Unu, mi obeas. Karaktero de la loĝantoj? Bilbaoanoj estas ne tre parolemaj, sed oni povas absolute fidi al iliaj vortoj kaj promesoj. Ili estas laboremaj, ne fieraj, amikoj de bona manĝado kaj abunda trinkado, kies natura fino estas komunaj kantoj en baska aŭ hispana lingvoj.

—Strange, tre strange. Kaj... ili ŝatas helpi foranojn?

—Certe jes. Ili estas tre komplezemaj. Krome, en Bilbao abundas kulturitaj personoj, kaj la emo al muziko, pentrarto, kaj ankaŭ al sportoj, unuiĝas kun strikta kaj honesta plenumo de laboraj kaj familiaj devoj.

—Nekompreneble. Kaj... la virinoj

—Numero Unu, pri bilbaoaj virinoj oni parolas tre laŭde tra la tuta Hispanio. Nur bilbaoanoj ne tute scias kiel bonaj, belaj kaj elegantaj estas iliaj inoj. Mi opinias, ke, ĉar bilbaoanoj devas pagi la fakturojn de modistinoj, eble pro tio...

—Numero Cent, SPEKTRA bezonas faktojn, ne opiniojn. Daŭrigu vian raporton.

—Mi obeas. En Bilbao, oni vestas elegante. Viroj preferas sobrajn kolorojn, speciale grizojn. Virinoj sekvas la modon fidele, sed scias meti sian personan bongustan tuŝon sur vestojn, ŝuojn, mansakojn kaj juvelojn.

—Ege interesa. Ĉu, sub la varmo de la monato Julio ili ne sin donas al la «dolce vita» rilate vestojn, laŭ ekzemplo de eksterlandaj turistoj?

—Tute ne. Ĝis nun, Bilbao restis for de la turisma somera invado. Bilbaoanoj scias ĉiam sin prezenti en oportuna atiro por ĉiu okazo.

—Komprenite, tio sufiĉas. Jen alia afero. Kiel marŝas la organizado de la Kongreso?

—Bonege. Viglaj personoj zorgas pri tio. Aŭtoritatoj sin montris tre helpemaj. Oni preparas tre atente la diversajn aranĝojn, ĉu oficialajn, ĉu distrajn.

—Loĝado?

—Grava problemo. Tamen, Teknika Inĝeniera Lernejo oferis sian Studentan Hejmon al la Kongresistoj. Nova konstruaĵo, posedanta tre modernajn ĉambrojn ĉiu kun du litoj. Potaga prezo, tre malalta. Manĝoj, en apudaj restoracioj, sub kontrolo de la Lerneja Administracio, tre tre malkaraj. Ideala restadejo por unuaj lertaj aliĝantoj.

—Kaj... malfruaj aliĝantoj?

—Al hoteloj ili iros. Prezoj normalaj kaj diversaj, laŭdezire. Oni aranĝos ĉion bone, zorge, atente, laŭ bilbaoa maniero. Komprenenble, frua aliĝo helpos organizantojn kaj konvenos al venontoj. (Mi plifirmiĝas sur miaj piedoj). Raporto finita, Numero Unu.

—Dankon, Numero Cent. Via informo tre interesa. Necesas nur koni la sekretan formulon de tiu frata sento, preskaŭ flarebla kaj tuŝebla en ĉiu Esperanto Kongreso. Niaj sciencistoj ne kapablas kompreni, kio estas la kerno de esperanto. Se nia ĉiopova Organizo povus ĝin malkovri kaj forrabi al tiuj homoj... Raporto akceptita. Plenumu nun vian Duan Taskon.

—Mi salutas, Numero Unu. Tasko Dua tuj plenumota. Adiaŭ.

Mi foriras. Dua Tasko plenumota... Jen estas mia vera laboro!

Mi trapasas longajn koridorojn, pli kaj pli mallarĝajn. Pordoj estas ĉiufoje pli etaj. Jen numero 432. Mi malŝlosas ĝin. Ĉambreto malluma. Viro kaj virino ĉe la fundo, ambaŭ katenitaj al la muro. Mi eltiras mian revolveron kaj pafas dufoje. Jen Tasko Dua preskaŭ farita. Ĉe la koridoro mi siblas. Alvenas elektra ĉareto, kun du homoj supre. Ili metas la senmovajn korpojn sur la ĉareton. Kaj ni ĉiuj marŝas for. Liberaere, ĉio ŝajnas malpli terura.

Ĵipo. La korpoj estas tien metitaj. Mi ŝoforas ĝis supro de rokaro, marborde. Tie mi haltigas la aŭton. Mi trenas la du korpojn ĉe la bordo de la abismo, kaj lasas ilin sur la herbo. Kaj mi atendas... Jen!

Ili komencas ree spiri. Unue, la juna virino. Poste, estas li, kiu peze sidiĝas.

Mi estas tre okupata ordigante la vestojn de mia spion-kolegino. Ŝi parolas iom maldankeme:

—Ej, vi, manulo. Mi estas Ursula. Kaj tiu ĉi estas James Bond, numero 007, kio signifas «permeso por mortigi». Komprenite, junulo? «Per-me-so por mor-ti-gi».

—Pardonu, Ursula. Mi savis vian vivon. Ĉu mi ne rajtas butonumi tiun butoneton, kaj tiun kaj tiun kaj...

—Freŝulo! Kiu estas vi?

—Mi estas nur novulo, amikino. Mia kod-numero estas 001, kio signifas «permeso por pinĉi». Sr. Bond... ĉu vi fartas bone? Vi estas ĉioscianta. Kio estas la kerno de esperantismo?

—Amo. Tute simple, amo. Ĉiu esperantisto konas tion.

—Sed Numero Unu de SPEKTRA absolute ignoras ĝin.

—Bubeto, estas multaj, multaj, kiuj ne konas tiun veron. Ĉeestu la Bilbaoan, kaj vi komprenos ĝin bone.

(JES)

## RADIO JUVENTUD DE ESPAÑA

Radio Juventud de España dio comienzo el día 28 un curso de Esperanto por radio, que promete ser de gran interés.

El curso es totalmente gratuito y los alumnos podrán realizar las consultas que estimen oportunas, a los profesores encargados del curso, a través de la Emisora.

Quienes se hallen interesados en estos cursos de Radio Juventud de España, Frecuencia Modulada, 88,8 megaciclos, pueden llamar por teléfono a cualquiera de los números de la Emisora, o personarse en la misma (Diego de Lezar, 47), en horas de oficina.

# 27.º HISPANA ESPERANTO KONGRESO

## Bilbao, 19-23 Julio 1966 - (Bilbao alvokas)

*«Anglo venis en Bilbaon*
*riveron kaj maron vidi,*
*ekvidinte «bilbaninojn»,*
*jam ne volis plu foriri.»*
*(Bilbao'a kanzono)*

Vibre sonas la trumpeto
alvokanta kun soleno
al amikoj —sen escepto—,
por la kongresa kunveno.
Sonas eñoj kampanilaj
kiel signoj de reklamo;
estas kantoj kampanilaj
de jubilo kaj de amo.

Kongreso ja estas festo
de laboro kaj de ĝojo,
do, vi venu sen preteksto
almenaŭ dum nuna fojo.
Bilbao, urb' industria,
ankaŭ vibras por Espero,
kaj decidis tutkonscia,
kongresadi dum somero.

«Nerviono», la rivero,
fluas laŭ tre longa baro
fluse—tajde ĝis karcero
englutonta ĝin, la maro.
Ambaŭrande multaj ŝipoj
sarĝ—malsarĝas kun eŭforo
komercaĵojn en la vicoj
de laboro kun fervoro.

Jen fabrikoj kun kamenoj:
Altaj Fornoj! Nigra fumo
etendiĝas en kurtenoj
de sublima kolumlumo.
«Nord' Kornico»! Kantabriko!
Brava mar', sed ankaŭ paca;
ĝi fariĝas dolĉamiko
post ekscito, ja tre laca.

«Archanda»! Najbara monto
facilega ĝin suriri;
de la supro, la horizonto
vekas tenton ĝin admiri.
Ĉirkaŭaĵoj indaj, belaj,
kaj strandoj en proksimo:
Ĉiuj gentoj tre fidelaj
vin akceptos kun estimo.

Estos plaĉa la klimato
dum la tagoj de l' Kongreso,
ĉar la suno kun kompato
karesos sen intereso.
—La vetero estos suna:
—ho!, ne timu pri la pluvoj;
oni ekskursos kun kor' juna,
do pri ĝuoj ne estas duboj.

Vi ĉeestu la Kongreson!
Venu ĉiuj kun fervoro!
Ni elmontru intereson
ĝi briladu kun honoro.

M. de Elezcano.—Bilbao.



(Archanda, legu: Arĉanda)

## * Ni legis por vi...

*INTER DU MONDEPOKOJ.—Martinus. Eldonis la INSTITUTO DE MARTINUS. Mariendalsvej 94-96. Kopenhago. F. Danlando. Eldanigis Ib Schleicher. 95 paĝoj kun indekso kaj vortoklarigo. Belaspekta bindaĵo per verda tolo kaj oraj stampoj. Prezo: 9 danaj kronoj.*

La nuntempa homaro vivas transiran situacion inter primitivismo kaj humanisma vivoformo. La tera homaro troviĝas, laŭ la instruoj de Martinus, en la «vintro», en la unua mensa «sezono» de kosma giganta cirkulo, kiun kompreneble regas krudeco kaj malamo kaj sekve malfeliĉo, kiu, kontraŭe al tio, kion multaj opinias, ne estas materia demando sed psika problemo.

Kiel bone scias tiuj, kiuj ĝin atente trastudas, la verkaro de Martinus esence konsistas el aro da analizoj super la homon kaj la mondon. La altpsika sensoformo de la aŭtoro sukcesas klarigi pere de konvinkaj prilumoj la plej gravajn demandojn, kiujn la vivo stariĝas antaŭ tiu homo kiu atinginte difinitan evoluŝtupon bezonas kiel vivkondiĉan nutraĵon klarajn respondojn al la demandoj kiujn liaj koro kaj menso formulas antaŭ la fenomenoj plej ofte krudaj kaj amaraj de la ĉirkaŭa vivo.

Per la 35 ĉapitroj de ĉi tiu libreto, Martinus ĵetas novan lumon en la strukturon de la homa psiko kaj ties respeguliĝo en la eksteran mondon. En sufiĉe detala superrigardo li analizas la konfliktojn de la kristana mondbildo al la altintelekteco, la veran mision de la religia institucio, k. t. p. «Tio, kio estas la malluma sorto de la homaro»; «Kio estas eterneco»; «Sen altpsika sensoformo la vivo eterne restus mistero»; «La mio en la viva estaĵo»; La kaŭzo, ke troviĝas mallumo en la mondo»; Kial la mio estas identa kun eterna vivo», estas la titoloj de ĉapitroj kiuj per si mem rekomendas la libron, ne nur al tiuj, kiuj interesiĝas pri tiuj nocioj, sed ankaŭ al ĉiuj homoj ĝenerale.

La lingvo estas klara, bela kaj eleganta, kaj la aranĝo de la libro alloga, kaj imitinda de aliaj eldonejoj. La terminologion mi trovas ĉiufoje pli klariga, taŭga kaj preciza. Ĉe la fino aboca indekso kaj vortoklarigo kompletigas ĉi tiun ĉarman, valoran kaj gravan volumeton. Ĝi meritas resti en nia biblioteko kaj ĝia enhavo efiki en nia menso. Tiel, certe ni havus pli bonan mondon.

N. L. ESCARTIN

*LA ESPERANTO SOCIETO.—Broŝuro 22 paĝa. 22 × 17 cm., ilustrita. Eldonis U. E. A. Rotterdam, 1966. Prezo: 6 steloj aŭ 1'50 guld.*

El la plumo de la Estraranoj de U. E. A. Ivo Lapenna, Günther Becker, E. L. M. Wensing kaj Maurice Jaumotte, la interesa serio de artikoloj, kiuj konsistigas ĉi tiun utilan libreton celas informi al la esperantistaro pri aferoj kiuj koncernas al la plej efika disvastigado de nia lingvo, ĉefe per la celtrafa agado de la lokaj Esperanto-Grupoj. La enhavo prezentiĝas jene:

1: La rolo de la lokaj Esperanto-Societoj por realigo de la dua laborplano de U.E.A. (I. Lapenna); 2: Unikaj eblecoj por informado sur loka nivelo (G. Becker); 3: Kie formiĝas la vera Esperantisto? (E. L. M. Wensing); 4: Kiel vivadigi niajn lokajn grupojn (M. Jaumotte); 5: Ekzemplo de modela esperanto-societo (I. Lapenna); Modela Statuto de Loka Grupo. El la Dua Baza Laborplano de U. E. A.

Ne estas necese diri, ke ĉi tiu broŝuro estas speciale interesa por la lokaj Esperanto-Grupoj de la tuta mondo. Al ĉiuj ĝi liveros abundajn konsilojn pri informado, organizado kaj distraĵoj.

N. L. ESCARTIN

*VERSOJ ELEKTITAJ. — Sergej Jesenin. Kompilis kaj redaktis: K. Gusev kaj I. Ĥoves. Ilustris: V. Cvetkova. Eldonis: Komisiono pri internaciaj ligoj de sovetaj esperantistoj. Moskvo 1965. Prezo ne indikita.*

En la komenca periodo de la soveta literaturo Jesenin okupis gravan lokon, speciale ĉar la popolo de la Soveta Unio trovis en liaj versoj fortan amon al la Patrio, profundan poezian sinceron, universalan humanecon kaj sinceran aspiradon al ĉies feliĉo.

Estante homo arde amanta la vivon:

*«Tro mi en ĉi mondo ĉion amis*
*ĉiun formon de la riĉa viv'.*

mortis en tre frua aĝo: tridek jara (1895-1925), lasante post si riĉan verkaron poezian.

Mi tute varme kaj sincere rekomendas ĉi tiun 64 paĝan broŝuron al la amantoj de poezio. La forto kaj vervo de la aŭtoro brulas, sinceras, doloras...; lia granda koro pleniĝis je malĝojo, kaj la aŭtoro sentis sian respondecon pri tio, kion li verkis. Kiel ĝuste skribas N. Tihonov en sia antaŭparolo pri la aŭtoro, la ĉefa aspiro de Jesenin estis: Patrio, Homo, Paco!

N. L. ESCARTIN

*LINGVOLOGIA REVUO.* — *Numero 1. 1966. Esperantista fakeldonaĵo por lingvologio, la kalkuleca lingvosciencо. Aperas dufoje en la jaro, Adreso: P. O. Box, 764, INGHAM, N. Queensland. Aŭstralio. Redaktoro kaj eldonanto: Emil Hanhiniemi.*

En ĉi tiu revuo troviĝas la kerno de grava kaj ambicia projekto. La zorga konsiderado de ĝia enhavo prilumas kampon: Lingvologio, treege interesa por ĉiuj, kiuj interesiĝas pri la rilato inter la penso kaj ties esprimo pere de parolebia, aŭdkomprenebla, skribebla kaj legebla teknika sistemo.

La fonda numero de ĉi tiu revueto —humila, 8 paĝa, sed zorge kaj klare presita— klarigas interalie kio estas lingvologio; kiu bezonas la lingvologian lingvon; Difino de Lingvo; Metodo de Lingvologio; Korekta Gramatiko; Monemo kaj morfemo; Funkciado de la lingvologia Lingvo; Semasemo kaj funkcemo; Lingvologio kaj aŭtomata tradukado, kaj Terminologia atentigo.

La dua numero de la revuo aperos en junio 1966. La revuo meritas ĉies atenton; ĝi povus fariĝi en Esperantujo faka revuo de juna promesplena scienco. Lingvo lingvologia povus esti nekalkuleble utila en la aŭtomata tradukado pere de elektronaj maŝinoj. Interesitoj ne plu hezitu kaj skribu al la eldonanto kaj redaktoro ĉe la supra adreso.

N. L. ESCARTIN

*LA ESPERANTA KONJUGACIO.—Teo Jung. Kun pli ol* 1000 *ekzemploj plejparte Zamenhofaj, kaj kun abundaj klarigoj kaj konsiloj precipe pri la kunmetitaj verboformoj. Unua parto.* 123 *kvarformataj paĝoj, ĉ.* 21 x 27 *cm. Dua parto aperos en la daŭro de la venonta somero aŭ aŭtuno. Prezo por ambaŭ volumoj kune: egalvaloro de ned. gld.* 13,50 (3,85 *dolaroj,* 65 *steloj) plus* 10 % *por sendkostoj. Sola volumo ne mendebla. Eldonis: Herolde Esperanto, Harstenhoekweg* 223, *Schveningen, Nederlando.*

Ju pli atente oni studas la problemon de la pasivaj participoj en Esperanto, despli klare evidentiĝas kiel malfacile estas trovi vojon kondukantan al kontentiga solvo, ĝuste ĉar la partiismo, natura inklino en la mensa mekanismo de la homo, inside metis sian ungegon en ĝin kaj absurde dividis parton de nia movado en la tielnomatajn «atistoj» kaj «itistoj». Tamen, tiun dividon forte malaprobas pluraj samideanoj, kiuj ne ŝatas esti nomataj atistoj nek itistoj, sed simple esperantistoj, inter kiuj la aŭtoro de la recenzata libro.

Povas okazi, ke la ordinara esperantisto, antaŭ ol eklegi la verkon de sinjoro Jung, demandos al si kion celas la aŭtoro per tiu nova studo pri la Esperanta Konjugacio. Ĉu la afero ne estas sufiĉe klara —li pensos— post la apero de la Simpozio (Stafeto); Esperanto-Moderna Lingvo (Setälä, Virborg, Stop Bowitz); Ne Kiel Meier (Schwartz), kaj tiom da aliaj publikaĵoj pri la sama temo? — Ĉu la oficiala decido de la Akademio de Esperanto ne metis finan punkton al la diskuto elektinte la plej konvenan solvon laŭ la strukturo mem de la lingvo, la uzado de Zamenhof, kaj la realaĵoj de la lingvo? — Al tiuj demandoj oni povas doni nur nean respondon. Malgraŭ ĉies klopodoj la problemo ŝajne daŭras. Do, ni ekzamenu nun, tiel senpartie kiel eble la verkon de sinjoro Jung kaj vidu ĉu li prezentas al ni ion novan, valoran aŭ konsiderindan.

Jam en la antaŭparolo de la libro, la aŭtoro faras specialan atentigon: li diras, ke la libro ne prezentas la teorion de difinita «ismo» aŭ «skolo», sed en ĝi, surbaze de la Fundamento, de la deklaroj de Zamenhof, de la evoluo de la ekzistanta situacio, de la faktoj kaj cirkonstancoj, li klopodis montri vojon, kiun laŭ lia konvinko ĉiu esperantisto povas sekvi, *se li nur havas la seriozan volon al unueco kaj toleremo*; kaj tiu intenco de la aŭtoro estas aplaŭdinda.

Laŭ mia opinio post zorga tralego de la libro, la kerno de la studo de sinjoro Jung troviĝas en la tri jenaj punktoj kaj asertoj:

1) La *tempa* (-ata) konjugacio estas pli regula kaj pli klara ol la aspekta (-ita), do ni devas tre zorge konsideri la interesojn de tiuj milionoj de homoj kiuj devos lerni la Internacian Lingvon en la estonteco. («Tre klare estas, ke sistemo de verbaj formoj, kiuj celas montri tempon aŭ temprilaton, estas pli simpla ol sistemo kiu ligas al la tempoformoj ideon de aspektoj. Setälä) («La tuta sistemo de Waringhien rompas la postulaton de analogio sed ankaŭ tiun de unusenceco de la elementoj. Setälä, EML. p. 13).

2) Tamen, konsiderante alies opinion, la *Regulo de Beaufront* ŝajnas speciale atentinda pro la fakto ke ĝi prezentas taŭgan bazon por *interkonsento* inter tiuj, kiuj preferas uzi ĉiujn ses participojn kiel eble plej ekzakte laŭ la tempaj indikoj en la 6.ª regulo de la Fundamento (do «tempe»), kaj tiuj, kiuj ku-

timas uzi kelkajn el la participoj laŭ alia kriterio («aspekte»).

3) Prezento de la tuta mekanismo de la aktivaj kaj pasivaj participoj, per ekzemploj plejparte zamenhofaj, pravigante la supran aserton.

Mi ne dubas, ke la legado de ĉi tiu verko interesus la tutan esperantistaron se ĝi nur kuraĝus eklegi la unuan paĝon. Per tiu verko sinjoro Jung montris sian profundan komprenon de la temo kaj de la problemo kiun la uzo de la pasivaj participoj starigis antaŭ la bonvolaj esperantistoj, sed mi, post mia sperto kaj kompreno de la afero, ne povas eviti resti skeptika pri la rezulto. Al mi fariĝis evidente, ke en Esperantujo pravigoj ankaŭ ne efikas. Klanaj interesoj, personaj simpatioj kaj amikaj rilatoj, mensa mallaboremo por zorge konsideri kion ajn, flanke de la plejmulto, estas faktoroj decidaj. Tion pruvas la fakto, ke la aŭtoro de la libro estis devigita rekte adresi la libron al la Esperantista publiko ĉar liaj klopodoj por ke kompetenta kaj oficiala instanco ĉe la Akademio, ĝin ekzamenu, montriĝis vanaj, malgraŭ tio, ke li mem estas Akademiano de antaŭ 33 jaroj, prestiĝa esperantisto, fondinto de «Heroldo de Esperanto» kaj ĝia redaktoro dum pli ol 40 jaroj.

Mi estas profunde konvinkita, ke la afero estas nesolvebla en ĝia nuna stato, kaj ke nur la tempo kaj la fakta uzado de la *ordinaraj* esperantistoj (kion ajn opiniu niaj verkistoj!) montros la irendan vojon. Tia estas la kaŭzo pro kiu ĝis nun mi ne volis enmiksiĝi en ĉi tiun disputon —kion pluraj esperantistoj riproĉis— kaj decidis agnoski por Boletin la oficialan sistemon de la Akademio de Esperanto.

Ĉe la fina punkto unu fojon plu mi rekomendas al ĉiuj esperantistoj la legadon de ĉi tiu grava kaj interesa studo de sinjoro Jung. La libro, cetere prilumas la strukturon de Esperanto kaj la tutan mekanismon de la konjugacio. Ĝi estos utila eĉ por tiuj, kiuj, parte aŭ tute, ne partoprenas la opinion de la aŭtoro.

N. L. ESCARTIN

KEMIO INTERNACIA. — Vol. I, numero 2; oktobro 1965. Eldono de Urugvaja Esperanto-Societo. Casilla de Correo 1040, Montevideo. Urugvajo. Direktoro: Alberto Barrocas (kemiisto). Prezo: U$S. 0,50 aŭ egalvaloro.

MONDA KULTURO. — Internacia Revuo, literaturo, teatro, filmo. Numero 14. Vintro 1966. Eldonita de U.E.A.. Jarabono: 15 ned. guld. Redaktoro: Andreo Albault.

POR LA PACO. — Kajero IV. Unio de Sovetaj Societoj de Amikeco kaj Kulturaj Ligoj kun eksteraj landoj. Komisiono pri Internaciaj Ligoj de Sovetaj Esperantistoj. Moskvo 1966.

XXVIIa. HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO. BILBAO — Loĝejo

Ni informas al ĉiuj kongresanoj, ke la prezo de la loĝejo en la Universitata Restadejo «Esteban Terradas». Placo Calvo Sotelo, 3. Bilbao, estos, inkluzive matenmanĝo, de 75 pesetoj po persono kaj tago, ĉiam en ĉambro por du personoj.

La Kongresanoj kiuj loĝos ĉi tie, povus tag-kaj vespermanĝi en bona manĝejo, tre proksima al la loĝejo, tial ke pro la frua fino de la lernkurso estas tute neeble fari tiujn manĝojn en la salonoj de la Restadejo. La menuoj estus bone preparitaj kaj abundaj kaj la prezo por la du tagmanĝoj kostos proksimume 85 pesetojn. Do, la tuta tag-pensiono rezultos 160 pesetojn po persono kaj tago.

La organizado de ĉi tiuj eventualaj manĝoj, kvankam ne estos devigaj por la loĝantoj de la Restadejo, estos sub la zorgo kaj gvidado de la Administranto de ĉi tiu Oficiala Loĝejo.

Ankaŭ ni disponas je junulara gastejo, tre ekonomia. La kosto por tuttaga restado estos 100 pesetoj po persono kaj inkluzivas dommon en portlito kaj bonan manĝaĵon. Taŭga por junuloj.



## PREMIO «COMELLA - BASSOLS» - OKA KONKURSO

### Oni ricevos 2000 pesetojn por la plej bona gaja rakonto en Esperanto

*Ĝeneralaj reguloj*

1.ª La konkursaĵoj havu la amplekson de po 2000-3000 vortoj.
2.ª La konkursaĵoj nepre estu tajpitaj, kaj oni sendu 4 ekzemplerojn.
3.ª Oni skribu sur ĉiu rakonto pseŭdonimon por kaŝi la identecon de la aŭtoro, kaj —en aparta koverto— sian nomon kaj adreson kune kun la pseŭdonimo.
4.ª La Juĝanta Komisiono, laŭ testamento de Sro. Jacint Comella, (kreinto de la Premio) konsistas el eksterlandaj samideanoj, membroj de U. E. A. kune kun katalunaj juĝantoj.
5.ª La konkursa kotizo, por unu aŭ pluraj rakontoj, estas 10 pesetoj por Hispanio, kaj 4 steloj aŭ 3 respondkuponoj por eksterlando. Por landoj kie ne estas eble sendi la kotizon, la partopreno estas senpaga.
6.ª Kiam publikiĝos la Verdikto, samtempe estos sciigata la koncerna Juĝantaro.
7.ª La limdato por la ricevo de konkursaĵoj estas la 31ª de Aŭgusto de 1966. Oni sendu ĉion laŭ la jena rekomendo:

Por la Konkurso COMELLA-BASSOLS
Sro: Francesc Vilá — Sekretario
Klubo Amikoj de UNESCO
Laŭria, 12 — 1.ª
BARCELONA-10
Hispanio.

## SUMA ASPIRACION: ¡UN BUEN DICCIONARIO!

*E. Tudela Flores*

Hace unos años, se reunieron en Yugoslavia varias personalidades esperantistas para tratar sobre métodos y material de enseñanza de nuestro querido segundo idioma: Esperanto.

Lo tratado en esta semana pedagógica está recopilado en una obra titulada «Esperanto kaj lernejo» en la que sobre material de enseñanza se lee: Cualquier manual, por pequeño que sea, sirve, a condición de que se tenga a mano un buen diccionario.

Ese fue mi propósito, después realidad, al preparar el original para la segunda edición del vocabulario español-esperanto, es decir, dotar a los esperantistas de habla hispana de un diccionario, si no bueno, por lo menos extensísimo y con vuestros aplausos durante el banquete congresal en Barcelona mostrásteis vuestra aprobación a mi propósito, pero, la realidad ha venido a demostrar, que no procede, en las actuales circunstancias, publicar un diccionario «extensísimo», pero sí extenso, mucho más que la primera edición, el cual aparecerá a últimos del presente mes de abril.

Para ello he tenido que sacrificar una buena parte del original y puedo afirmar, que, si grande es la satisfacción sentida cuando se encuentra la palabra que se busca, o la traducción acertada, no es menor el dolor de corazón cuando hay que suprimir palabras y más palabras.

Trabajo penoso la reducción del extensísimo original, para cuya preparación, durante cuatro años, he empleado algunos miles de horas; mas todo se ha superado y el hecho cierto es, que la obra aparece y no demasiado reducida, como se desprende de lo que en el prólogo dice nuestro Presidente Honorario, Dr. Herrero: «El autor, si no fuera por el imperativo comercial, presentaría hoy un vocabulario aún más extenso —diríamos exhaustivo— que podría parangonarse con los del Esperanto a otros idiomas. A pesar de ello, la obra que presenta puede dar satisfacción a los más exigentes; además tiene la ventaja de estar al día».

Para más informes al autor: C. Ruzafa, 41. VALENCIA-6. Teléf. 27-62-11.

Nota importante. — Ya que de diccionarios hablamos, no está de más os diga, que una editorial holandesa está imprimiendo un diccionario en 25 idiomas y como puente nuestro Esperanto; cuya parte de español me fue encargada.

## ESPERANTISTA SOCIETO DE TENERIFO

En la fino de la jaro oni elektis, kiel kutime, la duonon de la Estraro, kiu konsistas nun el la jenaj personoj:

| | |
|---|---|
| Prezidanto: | S-ro Manuel MANTECA LOPEZ |
| Sekretario: | S-ro Antonio FERRER HERVAS |
| Trezoristo: | S-ro Angel POMBROL HERNANDEZ |
| Bibliotekisto: | S-ro Antonio BENITEZ HERNANDEZ |
| Voĉdonantoj 1.ª: | S-ro Juan REGULO PEREZ |
| 2.ª: | S-ro Ramón RODRIGUEZ PEÑA |
| 3.ª: | S-ro Fernando DE DIEGO DE LA ROSA |
| 4.ª: | S-ro José PALMERO PEREZ |

Ni petas senkulpigon al la sekretario de la Grupo S-ro Antonio FERRER ĉar en informo pri la jara agado de la Grupo, aperinta en la pasinta numero de Boletin, ni erare menciis la nomon de alia samideano kiel sekretarion de la Societo.



## LICEO ESPERANTO DE MADRID

Para el corriente año 1966, la Directiva del Liceo de Esperanto queda constituída como sigue:

| | |
|---|---|
| Presidente: | D. Miguel DIEZ Y DIEZ |
| Vicepresidente: | D. Félix GOMEZ MARTIN |
| Secretario: | D. Agustín CASTRO CALLEJA |
| Vicesecretario: | D. Felipe LOPEZ GUIO |
| Tesorero: | D. Antonio MOYA CASADO |
| Contador: | D. José María GONZALEZ ABOIN |
| Bibliotecario: | D. Francisco BALLESTEROS ROJO |
| Vocal 1.º: | D. Raimundo IBAÑEZ CRESPO |
| 2.º: | D. Florencio ENFEDAQUE TERMPS |
| 3.º: | D. Adalberto de la TORRE LAGUNERO |
| 4.º: | D. Santos PEREZ ARRANZ |
| 5.º: | D. Adolfo POLO LOPEZ |

# PATRINA INSTINKTO

(amfibrakeĵo)

*Saldanha Carreira*

La blonda kvinjara Maria enhavas, pro riĉa sentemo, la koron pli granda ol sia korpeto.

Ŝi festas hodiaŭ la datorevenon kaj ion nerveme atendas.

Jen, oni frapetas...

La koro pli trote korbatas... finfine... ŝi iĝas patrino:

La pupo eniras. Amika donaco de ŝia avino.

—oOo—

Zorgante genepojn, geavoj neniam elsatas.

Montrante la pupan trezoron, la bona avino al la etulino konfesas:

—Mi estas malgaja, Maria. Rimarku la harojn de via pupeto... Neblondaj, ĉu ne. Kaj verve:e tro brunaj por tia patrino...

Maria ruĝiĝis kaj tre kortuŝata, premante la pupon per inaj, amemaj dorlotoj, murmuras:

—Mi dankas, avinjo. Tre bela ŝi estas. Ĉu bruna, ĉu blonda, al mi la koloro ne gravas, ŝi estas filino!

---

4.º *Kion vi —spertulo— konsilus fari al la esperantista aro por pliviglìgi kaj pligrandigi nian Movadon?*

Nature, mia unua konsilo estus, ke post perfekta lernado de la lingvo, laŭ eble, sekvi la linion de la modernaj tempoj, tio estas, fari EFIKAN KAJ SERIOZAN PROPAGANDON, sed «konstante, frapante».

5.º *Post via longa vivo esperantista, kian mesaĝon vi transdonus al la nuntempaj esperantistoj?*

Esperanto alportis al mi nur feliĉaĵojn. Dum mia esperantista vivo mi spertis tiom da ĝojoj kaj plezuroj ke mi ne povas resti sendanka al ĝi.
Kiam mi, apenaŭ novebakita esperantisto, vidis ke iu germana esperantista gazeto, mi ne rememoras ĉu ĝi estis «Germana Esperantisto», reproduktis mian unuan tradukon al esperanto, kiu estis aperinta du, tri, monatojn antaŭe, en «Nova Sento» de Bilbao —tamen, ke mi nenion estis sendinta al la germana redakcio— mia entuziasmo por la idealo pligrandiĝis. Alian grandan plezuron mi ricevis, kiam mi eksciis pere de nia kara kaj neforgesebla amiko Luis Hernández Lahuerta (Pace li ripozu), ke iu samideano el Sofia (Bulgario), S-ro Boris Avramov, komponis muzikan melodion por mia versaĵo —«Kaj Vi Kiam?»— publikigita en «Boletin», tamen ke mi tiam, nenion sciis pri mia kara, nun amiko, Avramov; kaj fine, ankaŭ mi ne povas forgesi la grandegan ĝojon, kiun mi spertis en la Kongreso de Valencio, okaze de mia Premio en la Literatura Konkurso, je Temo B
Miaj multegaj rilatoj, letere, kun pli ol kvardekkvin diversaj landoj kaj la multaj spertoj, ĉiam pozitivaj, kiujn mi akiris dum miaj vojaĝoj al diversaj Internaciaj Kongresoj, dum kiuj mi havis plezurojn salutante persone famajn esperantistojn, inter ili S-ron Edmond Privat, kaj iom pli poste ankaŭ S-ron Ivo Lapenna, estas tiel ĝojigaj faktoj ke mi ne povas ilin forgesi. D, mia mesaĝo povus esti jena: konsili, stimuli ilin daŭrigi en la esperanta vojo, sed kun la sama entuziasmo kiam ili komencis la unuajn paŝojn, senlace, konstante, kaj la feliĉaĵoj solaj venos.




# XXVIIª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Organizita de H. E. F. okazonta en BILBAO
de la 19ª ĝis la 23ª de Julio 1966ª



## LOKA KONGRESKOMITATO

| | |
|---|---|
| Prezidanto: | Félix Díez Mateo |
| Vicprezidantoj: | Luis M.ª de Barandiarán y Sarachaga |
| | Pedro Icaza y Gangoiti |
| Sekretario: | Eduardo Larrouy López |
| Kasisto: | Miguel Alvarez Villota |
| Voĉdonantoj: | Francisco García |
| | Julio J. Juanes, |
| | Rafael Palacios Herranz |

## PROVIZORA PROGRAMO

| | | | |
|---|---|---|---|
| 18 julio je la | 17ª | horo: | Malfermo de la Ekspozicio. Malfermo de la Akceptoficejo. |
| | 22,30ª | » | Interkona vespero. |
| 19 » | 10ª | » | Disdonado de dokumentoj. |
| | 11,30ª | » | Solena Malfermo. Ĝenerala Foto. |
| | 16ª | » | Laborkunsido de HEJS. |
| | 18ª | » | Laborkunsido de la Estraro de HEF kun Grupdelegitoj. |
| | 22,30ª | » | Omaĝo de la Grupo de Bilbao al siaj Veteranoj kaj al la Blinduloj. |
| 20 » | 10ª | » | Solena Meso. Vaskaj Dancoj. |
| | 13ª | » | Akcepto en la Urbodomo |
| | 17ª | » | Ĝenerala Kunveno de H.E.F. |
| | 19ª | » | Prelego en Esperanto. |
| | 22,30ª | » | Junulara Oratora Konkurso. |
| 21 » | 10ª | » | Fakaj Kunvenoj. Ekzamenoj. |
| | 11,30ª | » | Vizito al la Belarta Muzeo. |
| | 13ª | » | Malkovro de tabulo per kiu oni donas la nomon ESPERANTO al unu el la stratoj de Bilbao. |
| | 19ª | » | Prelego en hispana lingvo. |
| 22 » | 11ª | » | Solena Fermo. Turista perbusa irado ĝis Monte Archanda, vizitante stranden EREAGA (Algorta). |
| | 14ª | » | Bankedo en Monte Archanda. |
| 23 » | 9ª | » | Tuttaga eksterordinara ekskurso tra VIZCAYA. |

Kiel ĉiam, la ĉijaraj prelegontoj estas elstaraj esperantistoj. En Esperanto prelegos Prof. Jaime Aragay Pujols el Barcelona, kaj en hispana S-ro. Fernando Fernández Méndez el Lugo. Predikos, P. José María Claramunt Sch. P. el Villanueva y Geltrú.

TIP. C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63